# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto Cent-kvina Eldono 30/03/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Redaktisto Roger Springer Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon ABC nova

## Skribu, informu 230 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

## AŭSKULTU ESPERANTAN RETRADION TAGE




Informaj rakontetoj, Bona lingvo,
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Aŭdi eksterlandajn esperantistojn en klubkunveno



Aliflanke dum klubkunveno devus okazi praktikado de Esperanto. Tio povas en plej simpla formo okazi per laŭtlegado el libro aŭ el revuo. Sed pli bone estas aŭdigi sonregistraĵon de rakonto aŭ raporto. Kaj tiam estas kompreneble plej bone almenaŭ aŭdi la voĉojn de eksterlandanoj. Ne estas tiel bone aŭskulti paroladon de samlandano ĉar tiel oni aŭdus la lingvon ĝuste kun tia akĉento kiu estas mallerninda. Aŭdi samlandanon plifortigas la akĉenton, aŭdi eksterlandanon mildigas ĝin. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

**3D skribilo el Esperanta Retradio** http://vimeo.com/62081916

# Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko

# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj **Allogu vizitantojn**

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Radio Melburno http://esperanto-radio.com/3zzzradio

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 1ptm
ĉe la Brisbane Square Library.

Kay Anderson 07 3372 7006



## La Brisbana Esperanto-Kafklubo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 3ptm
ĉe la Coffee Club en Brisbane Square.

Por pli da informoj vizitu http://www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (4a marto estis jara kunveno)



## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo



## Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenos Dimanĉon la 27an de Aprilo 12tm
Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.
24a de Marto: dek unu venis al la kunveno. Roger, Mei, Robert, Chris, Nicole, Dmitry, Margaret, Volo, Josip, Ian, Marina.



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12tm
ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centra, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ ol veni: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com

## Esperanto en Sudaŭstralio (**La Adelajda Esperanto-klubo.)**



kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato
en La Box Factory, Regent Street South.
Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.



## Adelajda Esperejo

81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h.

## Esperanto League of Western Australia Inc.)

Anoj de nia ligo kunvenas monate la unuan sabaton por komitat-aferoj kaj la trian sabaton por konversacia lingvo-studado.
Ni tre bonvenigas vizitantojn. **esperantowa@hotmail.com Tel: (08) 9343 9532.**

## Ĉu estas aliaj? eble

NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO
MELBURNA ESPERANTO KAFO KLUBO
MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO
ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO
SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO
GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ
TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO

## Esperanto in Australia Meetup group.

Mi ŝatus prezenti novan nomon por nia grupo kaj inviti ĉiujn Esperantajn klubojn de Aŭstralio esti parto de 'Esperanto in Australia Meetup grupo.'
Bonvolu, anonci viajn meetups ĉi tie: http://www.meetup.com/esperanto-je-Sydney/eventoj/?Ago=nova Dmitry

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

### 2012-03-29 - AEA raportas:

Nian pasintan Skype estrarkunvenon (29/03/2013) ĉeestis Indrani, Kam Lee Margaret kaj Sandor.
Heather estis for de Melburno.

Iel la titolo de tiu raporto povas esti “**Preskaŭ**”. La ĉefa diskutero estis:

***Niaj aĵoj**
La libroj de Don Broadribb nun estas survoje al Esperanto Domo en Sidnejo.
La probableco ke nia arĥivo en Fort Knox en Melburno vojaĝos al Sidnejo dum la venontaj tri semajnoj, estas sufiĉe granda.
Do, ni tre esperas ke tiu “teda” tagordpunkto baldaŭ malaperos el niaj raportoj.

***Venonta Kongreso**
Nia venonta kongreso/somerkursaro okazos inter la 3 – 12 de Januaro en Kanbero. Huigh Malcolm preskaŭ finis la serĉadon por taŭga kongresejo.
La NZ kongreso okazos inter la 15 – 21 de Januaro 2014 en Aŭklando.
La NZ-anoj proponis ke ni dividu la kostojn de eksterlanda instruisto.
Ni diskutis kelkajn proponitajn instruistojn/esperantistojn. Ni ŝatus iun el Sudameriko (Mond Pokalo, Kongreso en Buenos Aires)

*** Venonta jarkunveno**
Nia venonta jarkunveno okazos dum nia venonta kongreso/kursaro en januaro 2014.
Eble, ni devas havi “oficialan” jarkunvenon por plenumi leĝajn postulojn.
Tamen, la kunveno, kie ni faras verajn decidojn estos en januaro 2014.

*** Kompanio/Asocio – Voĉdonado en januaro 2014**
Ni daŭrigis diskuton pri la (mal)avantaĝoj de ambaŭ modeloj.
Ni decidis havi **voĉdonadon** dum nia jarkunveno dum nia kongreso/kursaro en januaro 2014, ĉu resti kompanio aŭ ĉu reiri al asocio
Do, se vi havas opinion pri
- resti kompanio aŭ
- reiri al la statuso de asocio, bonvolu klopodi konvinki la aliajn skribu, argumentu, konvinku

*** Indonezia Kongreso**
Sandor partoprenos la Indonezian kongreson inter la 5-a kaj 8-a de aprilo en Bogor. Ni proponos komunan kongreson/somerkursaron iam en la estonteco.

Ni ankaŭ decidis inviti unu personon el Indonezio kaj pagi ŝ/lian koston por nia kongreso en Januaro en Kanbero.

* **ESK**

La venonta ESK estas preskaŭ preta. Longa diskuto, ĉu ĝi havos sur si la daton “decembro 2012” aŭ “marto 2013” . Kam konsultos kun David Ryan.

* **Nia historio**

Ni diskutis …. sen klara rezulto, kiel trakti nian AEA historion dum la lastaj 7 jaroj. Ĉu pardonpeti? Pri kio? Al kiu? Kial? Kompreneble, estas diversaj opinioj.
Se vi havas opinion kiel trakti nian historion kaj, krei pli pacan asocion (kompanion?) kaj kiel eviti aĉajn kverelojn estonte,…….skribu/telefonu al ni.

Ni daŭrigas la serĉadon por

* **Du novaj kunlaborantoj en la estraro**

Interesa laboro. Interesaj kolegoj. Interesa lingvo. Pensu pri ĝi kaj alparolu/sciigu nin.

Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?
Ĉu la kontoj de tiu periodo estas sufiĉe detalaj por respondi al la demandoj?

## Sydney Language Festival 2013



Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo W6A,
Sabaton, la 1an de Junio 2013 je 11atm
http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/
Pri Esperanto ĝenerale: http://www.worldlanguage.info/

## LETEROJ de la legantoj





Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena



SUPERSIGNOJ: Mi scipovas surmeti supersignojn en "Word" sed ne en miaj e-mesaĝoj. Plej probable mi ne estas la sola kiu profitus de unu el tiuj "bonegaj solvoj" (AE 104). Mi estus tre dankema por iu *simpla* solvo. Vera Payne

Saluton,
Estas malfacile por mi ne reagi al la mesaĝo de Dianne Lukes, kiu plie entenas malveraĵojn .
Ĝuu la paskan ferion,
Franciska

Mi ne certas ke Dianne Lukes elektis la ĝustan oportunon por esprimi sian rankoron, plie ne ĝuste. Ne nur Ivan rifuzis ke AEA finance subtenu Hazairin, sed ĉiuj, kiuj komprenis ke Hazairin volis antaŭ ĉio promocii sin mem, tiel ke la rezulto de la voĉdono estis kontraŭ la propono de Dianne Lukes. Same, pli frue ne estis akceptita ŝia plano finance helpi Korakan en Ipswich pro similaj kialoj. Sed kiam oni ion ne vidas, oni vere ĝin ne vidas. Mi ne dubas ke Dianne volas montri ke ŝi havas grandan koron kaj grandan kompaton por multaj homoj. Sed ŝi devas akcepti ke ne ĉiuj homoj vidas la mondon per ŝiaj okuloj, des pli ke ofte tro da suno brilas al ili kaj ŝin blindigas.

Kiam Dianne plendas pri la malĝentileco de Ivan, mi supozas ke Dianne aludas al sia strebo ĉeesti la jarkunvenon de la radio 3ZZZ en Melburno, kelkajn monatojn post kiam Igor Couto elektis ŝin kiel anstataŭanton . Ankoraŭfoje kial plendi pri Ivan? Dianne provis trudi ke la reguloj de la radiostacio ne estu sekvitaj tiel ke ŝi rajtu ĝin ĉeesti. Ŝi eĉ uzis argumenton proksiman al ĉantaĝo : « se vi akceptas ke mi ĉeestu, mi membriĝos al la radio programo Esperanto ». Mi tiam proponis ke ŝi membriĝu tiel ke ŝi plenrajte povu ĉeesti la sekvan jaron. Anstataŭ tio, ŝi diris kaj skribis ke ŝi estis fizike forigita.

Ni lasu Ivan pace ripozi.

Ĉu ne estas tempo kompreni ke harmonio ne signifas unuecon? Por paroli pri harmonio necesas ĝuste plektiĝo de diversaj elementoj, Se la membroj sincere deziras ke AEA antaŭen iru, necesas kompreni ke membro kun malsama opinio ne estas malamiko. La bildo estas pli kompleta kiam al propra unua vido aldoniĝas la vido de aliaj homoj je alia angulo.

Franciska Toubale

Bonaj vortoj, Franciska. Mi antaŭĝojas al harmonia kunlaboro kun vi kun respekto al malsamaj opinioj.   Nicole




Mi renovigas la ŝlosil-libreton por uzi ĝin por propagandi Esperanton. Margaret Chaldecott retajpos la gramatikon kaj Roger ĝisdatigos la ceteron. La laboro progresas. Mi ne deziras pligrandigi la libreton, alie ĝi estus nur alia lernolibro. La celo estas studentoj de lingvoj por

ke ili povu kompari la grandecon de la tre bazaj lernolibroj.
Roger



Esperanto Ekzistas!


Nova ŝlosilo

# ESPERANTA TAGO 2013




Saluton!
Kvankam pluraj membroj vojaĝos al Rejkjaviko, mi esperas ke sufiĉaj aktivuloj pretos utiligi ĉi tiun helpan sendaĵon de Brian Barker el Anglio.
Multajn bondezirojn,
Ĵenifa Bishop

(Ankaŭ sendis Brian Barker al AE) Esperanto Day 2013 Useful Phrases in Esperanto



La temo por Esperanta Tago kaj por la Monda Esperanta Kongreso en Reykjavik, Islando dum ĉi tiu jaro estas "Justa Komunikado" Esperanta Tago okazos la 26an de julio ĉiun jaron kaj koincidas kun la dato de la eldono de la unua lernolibro en Esperanto en 1887 kiun ni nomas "Unua Libro".

## La morto de Ivan Heldzingen



La AEA estraro kaj multaj aliaj funebras pri la morto de Ivan Heldzingen, unu el la plej kompetentaj esperantistoj en la lando. Ivan havis emon kaj talenton por lerni lingvojn – nekutime inter aŭstralianoj. Li lernis krome ĝis alta grado la rusan, la ĉinan, kaj la

indonezian.

Ivan lernis Esperanton, kiam li estis juna bankoficisto en Melburno kaj tre aktivis kune kun grupo da aliaj junuloj, inter ili Daniel Kane, Charles Stevenson, la patro de Jonathan Moylan, kaj Heather, kiu baldaŭ iĝis s-ino Heldzingen. La grupo agis diversmaniere, aparte per verkado kaj prezentado de teatraĵoj en la internacia lingvo. Se nur estus tia grupo da junuloj en ĉiu urbo de Aŭstralio nuntempe!

En postaj jaroj Ivan fervore varbis por enkonduki Esperanton en lernejojn. Bedaŭrinde la mondo ankoraŭ ne estis sufiĉe saĝa por akcepti tiun evidente bonan ideon. Kiel multaj aliaj, Ivan devis akcepti elreviĝojn sur tiu kampo.

Ivan tre mankos al la aŭstraliaj kaj tutmonda esperantistaro.

Al Heather, lia edzino dum pli ol kvindek jaroj, ni esprimas nian elkoran kondolencon.

Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor





Karaj,

La 100a universala Esperanto-kongreso en 2015 okazos en Francio en la urbo Lille kiu ne estas tre malproksima de Bulonjo-sur-Maro. Krome miaj gepatroj loĝas tuj apud Lille, do eble mi povos partopreni. Jen foto de mi en Lille en 2011.

Amike, Nicole